# Konstru-Forumo 31

**novembro 2011**

Jan Werner; retadreso: <...@...>

## Enkonduke al la 31-a numero

Vi ricevas mian lastan dokumenton „Konstru-Forumo". La aferon mi antaŭe anoncis kaj skizis, kiel estas eble nian utilan agadon daŭrigi. Pluraj el vi esprimis la deziron daŭrigi. **Fabien van Mook** pledas por „almenaŭ retpaŝta diskutlisto, por ke ni ĉiuj povu facile mesaĝi al la aliaj KF-anoj pri novaĵoj, kunlaboraj petoj, problemoj ktp." **Bronislav Ĉupin** sciigas, ke „estas bone, ke troviĝas persono, kiu konsentas okupi la postenon… Mi subtenas la sinproponon de s-ro P. Grollemund. Mi esperas, ke nia grupo konserviĝos kaj estos plu laborema." **D-ro Zlatko Hinšt**: Mi subtenas s-ron Grollemund en liaj intencoj helpi koncerne la laboron kaj la bultenon Konstru-Forumo. La kolego **Pierre Grollemund** formulis la proponon jene: „Mi pretas helpi kaj partopreni, sed mi ne scias, ĉu mi plene kompetentas, miaj komputilaj kapabloj estas iom magraj, kaj plie, mi ofte trovis la nivelon de niaj diskut-temoj iom alta. Ĉu bezonindas esti kvazaŭ inĝeniero por legi kaj kompreni la matematikaĵojn kaj teĥnikajn konceptojn, kiujn vi disvolvis? Nu, mi estas preta kunlabori. Mi estas scivolema pri la proponoj de aliaj membroj. P.S. Memkompreneble, ni ĉiuj havas gravajn okupojn, ĉu profesiajn, ĉu asociajn. Ekzemple, mi klopodas enradikigi Esperanton en mia malnova urbo Saint-Etienne. Tute ne facile. Fakte, por bonaj rezultoj, estus necese dediĉi plenan tempon al la afero!"

**WE**: Mi sincere dankas al Pierre Grollemund pro lia bonvolo kaj kuraĝo kaj transdonas al li la kunordigan funkcion en nia forumo. Li estu libera en la agad-maniero. Ne estas necese daŭrigi mian metodon kun la perioda dokumento „Konstru-Forumo". Daŭrigotaj estu niaj kontaktoj pri terminaj problemoj, kiuj ĝenerale bremsas reciprokan kompreniĝon pri fakaj aferoj. Nia diskutado povas okazadi duflanke aŭ plurflanke, sed pri la procedo ĉiam estu informata Pierre Grollemund, kiu fine iel registros la rezultojn kaj decidos pri maniero de publikigo – eble pere de presita dokumento „Jarkolekto de TAKE", kiun TAKE planas ankaŭ por futuro. – Por ebligi la kontaktojn de KF-anoj, mi al ili aparte sendos liston de personaj adresoj; ne konvenas ĉi privatajn informojn publikigi rekte en tiu ĉi dokumento. Sole la retadreson de **Pierre Grollemund** mi ĉi tie publikigas, ĉar nia skipo ja bezonas alireblon el la flanko de la nuntempaj „KF-legantoj" kaj ankaŭ de la cetera publiko. (Ĝis nun por tiu celo servis miaj adresoj): <...@...>.

Por nia reciproka kontaktado estas utile iom specigi kompetentecojn de unuopaj KF-anoj, ne ĉiu el nia skipo dum la profesia agado konatiĝis kun la tuta gamo de fakoj kaj subfakoj aperantaj ĉe konstruado. En la liston mi envicigas ankaŭ du „legantojn", kiuj pli aŭ malpli regule partoprenadis niajn diskutojn:

- Rémy Bouchet (FR) – specialisto pri ŝtalaj konstruaĵoj kaj ŝtalo ĝenerale.
- Bronislav Ĉupin (RU) – konstruinĝeniero kompetenta pri nia fako en la tuta amplekso.
- Pierre Grollemund (FR) – praktikanta tegmentisto, kompetenta ankaŭ pri la teorio de la fako.
- Zlatko Hinšt (HR) – specialisto pri ekonomiko de konstruado, precipe la fervoja.
- József Horváth (HU) – Lia propra konfeso: *Mi ne estas konstruisto, sed lernis filologion kaj laboris ĉe kamionfabrika firmao kiel teknika tradukisto. Mi okupiĝas nun pri leksikologio (Esperanta-hungara vortaro elektronika, kunlaboro en Reta Vortaro). Pro familiaj kaj personaj kaŭzoj min interesas ĉefe arĥitekturo kaj kaŭze de konstrufakaj terminoj en mia vortaro kaj la Eicholz'a Bildvortaro min ekinteresis via laboro.*
- Claude Longue Épée (FR) – specialisto pri konstruado de sukerfabrikoj, havanta bonan supervidon pri konstruado ĝenerale.
- Fabien van Mook (NL) – konstruinĝeniero specialiĝinta pri konstrua fiziko.
- Đorđe Obradović (SI) – konstruinĝeniero kompetenta pri nia fako en la tuta amplekso.
- Karel Votoček (CZ) – konstruinĝeniero specialisto pri geodezio.
- Jan Werner (CZ) - konstruinĝeniero kompetenta pri nia fako en la tuta amplekso.

Nia agado strikte rilatas al la fako terminologio, sed nia elekta metodo de novaj terminoj por nocioj dume en Esperanto sennomaj ne respondas plene al tiu fako, kutime ni ne okupiĝas pri plena nocio-sistemo. Nur marĝene ni sekvis la terminologiajn principojn. Kiel la ĝisnuna kunordiganto kaj terminologo mi tamen klopodis ne kontraŭstari la principojn. Mi pledas, ke ni iom-post-iom ellernu la bazon de terminologia laboro, ke la rezultoj de niaj elektoj estu konformaj al la terminologiaj normoj kaj samtempe al la planlingva teorio de la **internacia** lingvo Esperanto. Estas dezirinde, ke ankaŭ en la nova etapo de Konstru-Forumo la internaciaj terminologiaj principoj kaj la Zamenhofa Esperanto estu sekvataj.

Favoran venton por nia futuro!

## Kontaktoj

La kolego d-ro **Zlatko Hinšt** informas (2011-09-16): Mi partoprenis IFEF-kongreson en Liberec (CZ). Enkadre de la faka programo mi prelegis (uzante tabelojn kaj grafikaĵojn) pri „Transporta energi-efikeco en Kroatio kun speciala rerigardo al certaj eŭropaj fervojoj“. Mi proponis disdividon de unika kongresa prelegtemo al du artikoloj: al TAKE kaj IFEF – pli precize, al la kolegoj F. van Mook kaj al L. Kovář (IFEF-CZ). La unua artikolo estas sub la titolo „Transporta energi-efikeco en Kroatio“ por „Jarkolekto de TAKE 2011“, kiu estas jam en fina redaktita formo, kaj la dua sub la titolo „Energi-efikeco de certaj eŭropaj fervojoj“, kiun mi sendis por „Fervojfakaj kajeroj“. Mi devas laŭdi la kolegon van Mook pro mia tre bone redaktita teksto kaj bona kunlaboro dum la redaktado. Mi scias, ke li faris tre bonan laboron kun grandaj klopodoj por ĉiuj partoprenantaj aŭtoroj en la Jarkolekto. Baldaŭ ni ricevos kaj legos ĝin.

## Arĥitektura enciklopedio en Esperanto

La de mi imagita projekto certe utilus, ĉar la lasta kaj dume unusola verko de tiu speco devenas el la jaro 1932 (Francisko Azorin: Universala Terminologio de la Arkitekturo; Madrido). Sed mankas arĥitektoj kunlaborantoj, ankaŭ la interesiĝo de KF-anoj estas minimuma. Mia provo ellabori la literon „A“ prokrastiĝas, tamen la provaĵon post iu tempo mi sendos rete al la personoj, kiuj sin aliĝis. (WE)

## Ni solvas termin-vakaĵojn

La temojn 38, 41, 45, 46, 48, 50, 52 mi en la lasta KF-numero por la diskuto fermis. Nun mi komentos la temojn 47 (Oberlicht), 51 (ŝtonceramiko), 53 (radikvortoj) kaj 54 (EBV Duden 276). Laŭ kiu maniero ni procedos estonte, decidos nia kolektivo interkonsente kun la kolego P. Grollemund.

**La temo 47 – *Oberlicht, rooflight***. En la jam longe daŭranta diskuto mi lastfoje proponis tute novan terminon «lumkovralo». Viaj reagoj: **B. Ĉupin**: „La proponitan terminon *lumkovralo* mi subtenas, ĉar ĝi estas klara kaj facile memorebla.“ **P. Grollemund**: „Mi konsentas kun la termino *lumkovralo*, ĉar fakte la celata objekto ne estas tegmento-fenestro (kvankam iel simila). En la proponita termino rekoneblas la radikoj ***lum*** kaj ***kovr*** – kaj fakte oni kovras tegementojn per io, ĉu per tegoloj, ĉu lado, ĉu vitro ktp.“ **C. Longue Épée**: „Mi konsentas pri *lumkovralo*. Mi tradukas la francan vorton *verrière* per tegmenta vitraĵo.“ **F. van Mook**: „*Lumkovralo* estas interesa trovaĵo. Tamen mi hezitas akcepti ĝin. Ŝajnas al mi, ke tamen temas pri tegmenta fenestro. Al mi egalas, ĉu tegmenta fenestro troviĝas en oblikva tegmento aŭ en horizontala tegmento.“ **WE**: Pro la hezito de Fabien ni ne interkonsentiĝis unuanime, ni do apliku la nomon laŭ nia individua opinio, ni ne puŝu la temon al la jaro 2012.

**Mi kompletigas la temon** per la noto, ke mi persone konsideras la terminon „lumkovralo“ kiel kunmetaĵon konsistantan el du radikoj (lum, kovr) kaj el internacia latindevena sufiksoido -al/. La sufiksoidon iu agnoskas, iu vidas ĝin kiel parton de la radikoj (ni toleru tion). La al-sufiksoido en Esperanto latente (kaŝe) ekzistas dekomence. Konataj ja estas vortoparoj: ideo – idealo, materio – materialo, radiko – radikalo, moro – moralo, vitro – vitralo, origino – originalo, integro – integralo, pluro – pluralo, bato – batalo, vegeto – vegetalo, horizonto – horizontalo, fato – fatalo, katedro – katedralo kaj dekoj da aliaj, ofte uzataj en adjektiva formo (ideala, morala, horizontala). Kovro (ago) – kovralo (rezulto de la ago), kiun ni konvencie diferencigas disde la plursenca kovrilo kaj ĝenerala kovraĵo (esprimas jen aplikon de objekto, jen agon de la respektiva objekto mem, vidu PAG § 328, p. 442 sube: la aĵo-kunmeto signifas la subjekton, kiu la respektivan agon plenumas laŭ sia destiniteco…). Krome la sufiksoido -al estas uzebla ĉe adjektiva pluformado de adjektivradikaj substantivoj (laŭ E. Wüster), ekzemplo: varm/a (kvalito), varm/o (adjektivradika substantivo), varm/al/a = varmo-a (adjektivo derivita de «varmo»; ne eblas ja diri «varma energio», sed «varmenergio» aŭ «varmala energio»).

**La temo 51 – ŝtonceramiko**. La temon komentis denove nur **Fabien van Mook**: La du nederlandaj sinonimoj estas *«steengoed»* kaj *«grès»*. Kompreneble oni povas paŭsi la vorton «ŝton», kiu aperas en terminoj de multaj lingvoj. Sed ĉi tion mi ne akceptas, ĉar «ŝtonceramiko» estas al mi same netravidebla kiel «grezo» (aŭ forma variaĵo), «kamenino» aŭ alia markotermino. Krome, al mi ŝajnas tiu elemento «ŝton» por serioza faka termino tre malbone motivita. Mi plu insistas pri propra radiko por la nocio. – **WE**: Fabien eraras, ĉar la ĉefa elemento „ceramiko“ klare difinas la esencon de la substanco kaj la determina flankelemento klare difinas (motivas), kio estas la ĉefa komponanto de la substanco. **La termino ŝtonceramiko estas do tute klare kaj ĝuste motivita!** Krome la maniero de motivado estas internacia. Alia konsiderinda propono ne aperis. – La diskuton mi fermas sen prezenti komune akceptitan version. Fabien uzados grezo, greso aŭ kamenino, por ni ceteraj supozeble ŝtonceramiko estas la taŭga nomo por la materialo, el kiu oni produktas lavabojn, klozetojn, bideojn kaj kanaltubojn.

**La temo 53 – terminoj estu bazitaj nur sur esperantaj radikoj**. Ĉu kurlingo aŭ glitŝtonludo? La temo prezentita de s-ro Hannes Larsson konvenas pli por esperantologia forumo, tamen laŭ la vidpunkto

terminologia ĝi povus veki ankaŭ nian intereson. Sed sole nia diligenta KF-leganto **Claude** esprimis sian oponion: „Mia unuavida reago estas aprobi la argumentaron de Hannes Larsson. Sed mi same kredas, ke ni ne devas kontraŭstari neologismojn inspiritajn de internacieco (regulo 15) aŭ de Eŭropaj lingvoj –, kiam ili alportas precizigojn kaj koncizigojn.“ – **WE**: La temon mi konsultis en Kanado, ĉe mia iama samurbanino **Olga Du Temple** (ĉefdelegitino de UEA por Kanado), kiu al mi skribis: „Antaŭtempe okazis tragikomedia eksperimento de konservativaj esperantistoj en Calgary, kiuj ellaboris „lingve puran“ sportan terminaron kun ĉiuj nocioj bezonataj por vintraj olimpiaj ludoj (Calgary 1988). Ĉiuj konkursantoj ricevis po unu ekzemplero… Por ĉiu, kiu volas ridindigi la idealon de Esperanto, la bele aspektanta broŝuro estis konvena pruvo. Ankaŭ por ni, ĉiutagaj uzantoj de Esperanto, estis kvazaŭ rebuso, kiu sporto estas kaŝita sub tiu aŭ tiu kungluaĵo de kelkaj radikoj.“ – Memoru, ke Esperanto estas lingvo INTERNACIA, ĝi do aspektu tiel! Spitema konservativismo puŝanta Esperanton al aparta aŭtonomieco prezentas danĝeron precipe en la rondoj intelektulaj, fakaj, profesiaj. Mokoj pri nia lingvo ne estu nia celo! La temo estas precipe lingvistika-lingva, pri kiu estas eble kleriĝi en la libro de Karolo Piĉ „La Litomiŝla tombejo“, precipe en ĝia postromana parto titolita „La romano kaj ĝiaj lingvaj problemoj“. Ĝi estas finita per la vortoj: „Novismoj, ĝenerale, ne estas danĝeraj. Ĉar vere danĝeraj estas nur tiuj formoj, kiuj spitas Fundamenton, la 2-an parton de la 15-a regulo kaj la enajn kibernetajn fortojn kaj mekanismojn de la lingvo. Tiuj aferoj, tamen, estas notore konataj…“

**La temo 54 – Bildvortaro Duden 276 – planko, tekto, ŝtuparo**. La koncerna bildaro estas en KF 29, paĝo 216. – Iom ĉagrene mi konstatas, ke al la temo kontribuis neniu KF-ano, tamen mi ĝoje akceptis la komenton de du KF-legantoj. **Claude Longue Épée** estis konciza: „Mi trarigardis la tabelon sen bildo. Ne scipovante la germanan kaj la ĉeĥan, kaj kun mia nespertemo, mi tiel emus uzi la proponojn de JW. Ja, legante ilin, mi tre precize kaj senambigue imagas la elementojn de konstruo.“ Karel Votoček: Viaj proponoj estas plej bone pripensitaj. Tamen ĉe kelkaj plaĉas al mi la aliaj:

**6 – stukaĵo**. WE: **1-e**, la radiko „stuk“ estas substantiv-karaktera, la sufikso **-aĵ** tie nepre ne povas esti. **2-e**, la radiko „stuk“ signifas ion tute alian, nome (ekspliko el la Jarkolekto de TAKE 2010) „sekan miksaĵon de pulvoro el blanka marmoro kaj tute blanka kalko (nun event. parte gipso), kiu miksita kun akvo hardiĝas. La scipovo apliki ĝin estas sekvebla jam ekde la antikva Egipto. De la origine skulptista arto la stukista metio apartiĝis nur en la tempo de la itala renesanco, poste precipe en la eŭropa baroko kaj rokoko, kiam en nobelaj sidejoj estis stuko vaste aplikata sur internaj muroj kaj plafonoj kiel perfekta glata puco kombinita kun reliefaj dekoraĵoj kaj al surfaco fiksataj liberaj muldaĵoj el stuko – stukaĵoj. La nomo devenas el la itala *stucco*. La stukista metio evoluis el la skulpta arto kaj aparte de la masonista metio ĝi restas ĝis nun.

**Rim**.: La nomon stuko enkondukis Zamenhof en Fundamento per la verbo difinita per la ekvivalentoj franca, germana, rusa kaj pola erare, nome en la senco de ordinara sabla-kalka-(*cementa*) puco. Verŝajne tio okazis pro la konfuza rusa nomo *штукатурка* (ŝtukaturka). Sole la franca *crépi* tie respondas neambigue al la ordinara puco.“ – **Puco** = (ĉeĥe) *omítka*.

**12 – ŝtontavolo**. WE: Ne ĉiu ŝtontavolo estas „ŝtonbazo“. Laŭ la bildo mi asertas, ke temas pri tavolo pretigita el speciale elektitaj ŝtonoj, metitaj vertikale, interligitaj kaj kojne firmigitaj per ŝotro (**ŝtonbazo** = ĉeĥlingve *štětová vrstva*).

**18 + 42 – alira ŝtupo**. WE: Ĉu alira ŝtupo, ĉu komenca ŝtupo, ambaŭ estas uzeblaj.

**19 – elira ŝtupo**. WE: Nu, homo estas **sur** ŝtuparo, ne **en** ŝtuparo, eliri ŝtuparon sonas neadekvate.

**32 – tretoplato de ŝtupo** kaj **33 – frontoplato de ŝtupo**. WE: Vi pravas. Mi nesufiĉe observis la bildon, vere tie estas garnoplatoj, eble ŝtonaj, sur la tretfaco kaj ankaŭ sur la frontofaco de ŝtupoj.

**41 – tretkovraĵo**. WE: Planka konstrukto ĉiam konsistas el pluraj tavoloj! La terminon „kovraĵo“ (malgraŭ ĝia plursenca karaktero) ni jam kutimiĝis uzadi por la supra tavolo de tegmentoj (tegola, ŝinda, asfaltobenda; ĉeĥe: *krytina*). Krome mi atentigas, ke sur plankoj oni paŝas, kutime ne tretas. Do: **paŝtavolo**.

**44 – libera ŝtuparflanko** kaj **45 apudmura ŝtuparflanko**. WE: Unue pri la epitetaj adjektivoj: Kun „libera“ kaj „apudmura“ mi konsentas, ili aperas ankaŭ ĉe unubrakaj ŝtuparoj; mia „lumspaca“ rilatas sole al la spaco inter brakoj de du- aŭ tri-braka ŝtuparo. Se ŝtuparo estas en libera spaco, ne ĉe muro, ambaŭflanke estas libera flanko. Due pri la „flankoj“: Sur la bildo ne estas „flankoj“ (videblaj ekstremoj de ŝtupoj), sed speciala balka elemento, germane nomta: *Stufenträger*, *Treppenwange*, *Wange*, *Wangenträger*; ĉeĥe: *schodnice*; angle (metafore): *string*, usone *stringer*. Tute nepre ne eblas ĝin nomi simple „flako“. Mi aldonas, ke anstataŭ du flankaj povas esti unu meza **ŝtupar-balko**. Pli bonan terminon mi dume ne trovis.

**70 – plafonlataro**. WE: Jes, povas esti plafonlataro aŭ laŭ Eichholz plafon-lataro, sed same bone laŭ la germana originalo (*Lattung*) ankaŭ mia lataro. La sama lataro povas servu por diversaj celoj.

## Motivitaj terminoj kutime estas nocie travideblaj

La pritrakto pri motivado de terminoj en la 30-a KF estis akceptita pozitive, venis al mi neniu esprimo pri kontraŭstaro. Ankaŭ certa utilo de nemotivitaj terminoj estas konsciata. Pri la afero sin bele esprimis Claude: ● Mi facile komprenis, ke «kurlingo» estas ludo, kies angla traduko estas *«curling»*. ● Sed mi ne

scias, el kio konsistas tiu ludo. ● Mi tamen komprenas, kio estas «kurlingo», se oni klarigas al mi, ke temas pri «glitŝtonludo»!!

## Jarkolekto de TAKE 2011 kaj 2012

La redaktoro de ĉi-jara Jarkolekto, Fabien van Mook, infomis min, ke la 21-an de oktobro li sendis la prespretan pdf-formatan jarkolekton al TAKE. – En la Raporto de la 17-a ĝenerala membrokunveno de TAKE (okazinta la 23-an de oktobro) estas la mencio pri danko al la redaktoro kaj al la aŭtoroj de artikoloj: P. Grollemund, Z. Hinŝt, S. Chengru, Đ. Obradović kaj J. Werner.

Samtempe la komitato de TAKE alvokas por la transpreno de la redaktoreco por **Jarkolekto 2012**. La sinproponojn direktu al la komitatano: André Grossmann, <...>. Samtempe pri la afero bonvolu informi la kolegon Pierre Grollemund.

## Pri morfemoj kaj vortradikoj

La temon mi pritraktis en KF 30 kiel reagon al la aserto de Fabien van Mook, ke „kilogram“ estas unu radiko. Kvankam mi klopodis la aferon formuli klare, Fabien respondis al mi: „Mi multe miris pri via ĉagreno pro miaj diritaĵoj reage al KF 29. Verŝajne temas pri miskomprenaĵoj – mi miskomprenas viajn diraĵojn kaj vi miajn. Nun mi ne havas tempon priskribi miajn pensojn, nek ĉion, pri kio mi legis en la scienca literaturo dum la lasta tempo pri la temo morfologio.“ Tamen Fabien informis min pri la artikolo de Ryszard Rokicki „Leksemstrukturaj aspektoj klasifiki la esperantan morfemaron“ en „Studoj pri la internacia lingvo“, ed. Michel Duc Goninaz, Gent: AIMAV, 1987. El la verko li sendis al mi skenaĵon de morfemo-specoj, kiun mi juĝas kiel vere perfektan, kun kiu mi plene konsentas – vidu la apudan ŝemon.




*Laŭ la klasifiko de Rokicki la vorto «kilogramo» estas trimorfema, ĝi konsistas el*

*a) deriva morfemo – internacia prefikso: kilo;*

*b) radika morfemo: gram;*

*c) sintaksa vortklasa morfemo – substantiva finaĵo: o.*

*Resume: Nenio mistera, nenio miskopreniga.*

La eldiron pri miskomprenoj mi ne scias analizi kaj ekspliki. La alia voĉo venis de C. Longue Épée: „Miaopinie ne estas problemo. Via ekzemplo responde… pri „kilogram“ estas tre klara kaj klariga.“

## Terminologia Forumo en UK 2011 – Kopenhago – duafoje

En KF 30 mi kritikis programan enhavon de la forumo. Supozeble prave. La kritikon legis nia kolego Claude Longue Épée, kiu la forumon partoprenis, kaj la 6-an de sept. 2011 li reagis al mia teksto: „Tute konsentite…“. Male la UEA-estrarano pri faka kaj scienca agado, Prof. Amri Wandel, kiu defendis UEA kontraŭ tiu kritiko. Lian mesaĝon el la 5a de septembro mi respondis per maniero por li kaj UEA eble tro severa, sed sciante, kio estas terminologio kaj kio estis prezentita en la kopenhaga Forumo, mi povis la faron (Forumon) indiki kiel trompon direkte al la kongresanoj, kiuj venis informiĝi pri terminologio. Mi ĉi tie enmetas mian plenan respondon:

Estimata samideano, mi dankas por via reago al mia alparolo... Mi ne dubas pri via persona alta profesieco kaj konscienca strebo servi en la UEA-funkcio (scienca kaj faka agado). Tamen tio ne sufiĉas por turni la plorindan staton de tiu movada sektoro al daŭre prospera evoluo. Mi celis precipe la fakon de terminologio, kiun mi aktive subtenas jam pli ol 40 jarojn. Kiel vi povis konvinkiĝi en la dokumento Konstru-Forumo 30, mi estas aktiva ankaŭ nuntempe, kvankam mi intertempe konsiderinde maljuniĝis.

Surbaze de miaj spertoj mi estas konvinkita, ke neniu kunsido, konferenco aŭ forumo (konkrete: Terminologia Forumo en UK 2011), povas renversi la aktualan nebonan staton, tamen ĝi povas **informi**, **klarigi** kaj **kapti intereson** de kelkiuj pri esencaj principoj de la koncerna fako. Kaj ĝuste en tiu senco la nomita TF UK 2011 estis trompo, ĉar ĝi ne informis, ne klarigis, kio estas terminologio kaj en kiu

“agadprogramo” estas eble ĝin praktiki. Via diro, ke UEA ne havis rektan influon, estas neserioza elturniĝo. UEA ja estis la respondeca organizanto...

Via diro, ke la programon kunmetis profesiaj kunorganizantoj..., ke en E@I estas viaj plej kompetentaj kaj aktivaj personoj sur tiu kampo, estas naiva malprava eldiro, ĉar tiuj homoj havas neniun rilaton al terminologio, ili eĉ ne estas amatoroj en tiu fako, des malpli profesiuloj. Estis via devo tion scii kaj trovi homojn kompetentajn, aŭ **ne organizi** «**terminologian forumon**», sed forumon ĉu informadikan, ĉu leksikologian, ĉu ĝenerale forumon pri apliko de Esperanto en scienco kaj teĥniko (KAEST).

Vi skribis al mi, ke la nuntempa TEC estas nur “malplena ŝelo”. Sed kial vi trompas la esperantistan publikon pri la ekzisto kaj agado de TEC? S-ino W. Blanke povus vin detale informi, kiel antaŭ 30 jaroj formiĝis la ĉelo evoluanta 10 jarojn al profesie laborkapabla TEC. Mi tre bone scias pri la mispaŝoj, kiuj kaŭzis la ĉesigon de TEC post la jaro 1992. Sed ankaŭ tiu ĉesigo fare de UEA estis mispaŝo, konvenis ja restrukturigi tiaman TEC-teamon kaj pli atenteme sekvi la ekonomian flankon... La nivelo de esperanta terminologio el la komenco de la 1990-aj jaroj estas nun neatingebla precipe pro nekompreno de tiu specifa fako, kiu ne estas «primitiva terminfarado», kutima en la movado.

Vi almetis por mi enketilon plenigitan de TAKE. Nu, TAKE simile kiel dekoj da aliaj esperantistaj fakaj organizaĵoj estas (pliparte) nur fikciaĵo. Pro tio de mi konsistigita Konstru-Forumo ne volas al ĝi aparteni, sed ellaboras por ĝi **Jarkolektojn de TAKE**, helpe, subtene. Iu administra submetiĝo al labore nesufiĉe lerta estraro estus neniu gajno, plivere limigo.

Kiel estraranon pri scienca kaj faka agadoj en **UEA** povus vin unuaflanke interesi la stato de TAKE kaj duaflanke la stato de nia libera skipo **Konstru-Forumo**, vidata el mia persona flanko. Antaŭ 6-7 jaroj mi organizis laboran skipon de konstruistoj kaj arĥitektoj kaj alparolis ses fakdelegitojn de UEA pri tiuj fakoj, petante ilin pri partopreno en la faka agado kaj terminologio. Ĉu vi kredas, ke respondis al mi neniu faka delegito? Antaŭ du jaroj mi kun Fabien van Mook (persono nomita en la enketilo de TAKE, vicprezidanto de TAKE) alparolis pli ol dek fakdeligojn de UEA pri fiziko, petante ilin pri helpo prijuĝi kelkajn nomojn de grandoj el la fako de konstrua fiziko. El ili respondis nur 3, sed nur unu el ili promesis helpon, tamen ĝis nun eĉ tiu unuopulo ne plu aŭdiĝis. Alikampe, kiel aganto en la Esperanto-movado mi bezonis biografian informon pri du gravaj personoj en la movado en du eŭropaj landoj (mi intence ne nomas ilin). Mi skribis al reprezentantoj de UEA en la landoj, ankaŭ al UEA-delegitoj, al la lokaj asocioj... kaj la rezulto? Nula, neniu respondo. Mi konstatas, ke la strukturo de UEA kaj de la movado estas kadukiĝinta, ke la koncernaj organoj de UEA ne sekvas la staton, ĉu la delegitoj plenumas sian devon... Mian skipon Konstru-Forumo mi elkonstruis per mia aktiva persona laboro, kaj kvankam ne ĉio procedas ideale, ni faris multon, kvankam vi pri la rezultoj ne scias.

Vi, kiel la koncerna faka funkciulo, devus scii, ke Esperanto estas gravege ne evoluinta en multaj sciencoj, precipe la teĥnikaj, en metioj... sen terminaroj de tiuj fakoj Esperanto estas **absolute** nekapabla plenumadi la rolon de lingvo internacia (tamen bone elkonstruebla en tiu direkto). Ĉiu, kiu opinias, ke la lingvo povus servi ekz. kiel lingvo de EU, estas naiva optimisto, neinformita laiko, persono el inter primitiva esperantista plebo, kiu pri gravaj aferoj de la movado kaj lingvo ne scias kaj eĉ ne interesiĝas pri ili. (Stultaĵojn en la **faka** leksiko, ŝarĝantaj la lingvon kelkfoje jam ekde la tempo de Zamenhof, solvas neniu institucio, oni ja eĉ ne scias, ke tiaj stultaĵoj ekzistas en UV, PV, PIV, naciaj vortaroj). Sterileco de la movado estas ĝenerala. (Mi ne estas novulo en la movado, pri altaj planlingvaj kvalitoj de Eo mi estas konvinkita, sed la nuntempaj tendencoj min instigas **forlasi** la kvalite regresantan movadon, malgraŭ mia 63jara aparteno al la movado.)

Fine de via mesaĝo vi skribis: La demando estas, ĉu krom kritiki vi ankaŭ pretas konstrue kontribui kaj kunlabori. Mi al vi respondas: **Sen kritiko** la movado plu sekvos la vojon **al plorinda degenero**. En faka laboro, parolante nur en mia nomo, mi faris kaj faras pli ol vi scias imagi. Estas via vico: ekkompreni, ke kreiva laboro ne stas kunvenado kaj babilado, ekz. en kongresoj. Seriozan traktadon devas ĉiam anticipi serioze pripensita **projekto**, **sistema koncepto**, kiu poste en kolektivo povas esti plu evoluigata, polurata... **Ne male**! – Estimata samideano, pardonu afable vastecon de mia respondo. Amike salutas vin Jan Werner.

Al mia letero Prof. A. Wandel ne respondis. – Silentas ankaŭ la nova komisiito de UEA por terminologio, f-ino Mélanie Maradan, por kiu mi prizorgis, donace de ĈEA, certan kvanton de la kajero „Terminologia kurso“, kiun mi kompilis por la unua internacia terminologia kurso okazinta en Ĉeĥoslovakio en la jaro 1986. Ŝi ĝis nun ne informis min, kiun kvanton ŝi scius utiligi kaj kien la paketon sendi. Ne eblas do pritaksi, ĉu en la movado fine aperos iu terminologo. Miascie unusola profesia terminologo en la movado, perfekta esperantisto, estis d-ro Brent en Kanado, antaŭ monato mi eksciis, ke li mortis. (WE)

## Postskribo al la 31a numero

Fine de mia gvida funkciado en Konstru-Forumo mi esprimas sinceran dankon al ĉiuj kunlaborintoj, kiuj iel ajn helpis en nia faka avanca paŝetado. Plu mi deziras sukceson en la pluiro al Pierre Grollemund. La agado estu por li kromalie ankaŭ plezura!

Fermante la lastan paĝon mi prezentas al vi kelkajn **fragmentojn** de mia parolo en la kunsido de Esperantologia kaj Literatura Forumo (ELFo) en Ĉeĥio somere 2007, titolita „Strategio de la movado 120 jarojn poste“ (t.e. post la jaro 1887). Mi tiel volas montri, ke nia penado estas ne nur racia, teĥnika, sed ankaŭ humana, servanta al la ideo de lingvo internacia, kaj pere de la rezultoj servonta al vasta funkcikapablo de Espertanto. Enkonduke mi citis humanajn diritaĵojn de niaj saĝaj antaŭuloj, ili estis moto por la temo:

**Leonardo da Vinci (1452-1519):** Prefere morti ol laciĝi! Neniam min ektedos servi, neniam min lacigos esti utila.

**Jan Amos Komenský (1592-1670):** Al kiu ajn utili vi povas, estu utila volonte, se eble, al la tuta mondo. Servi kaj utili estas propreco de noblaj karakteroj.

**Charles Dickens (1812-1870):** Neniu estas superflua en la mondo, kiu faciligas vivŝarĝon al iu alia.

**Albert Einstein (1879-1955):** Nur la vivo, kiun ni vivas por la ceteraj, valoras.

**Ludwik Lazar Zamenhof (1859-1917):** Eĉ guto malgranda, konstante frapante… la nepoj vin benos, se vi pacience eltenos.

…La esperantista movado luktas por atingi sian celon jam 120 jarojn. Unuflanke ĝi ŝajnas esti venkanta, oni por plenumi la revon de Zamenhof agitas kaj instruas, 120 jarojn instruas, sed duaflanke la celo estas konstante kvazaŭ neatingebla… Ni provu iom mediti. Kian sencon havas nia penado? Ĉu la ideo de internacia neŭtrala lingvo estas entute ĝusta? Kial la movado ne progresas?... Eblas konsenti, ke nuntempe la neŭtrala kaj universala helplingvo ne estas la ĉefa faktoro, sed nur unu el la faktoroj, kiuj povas venigi deziratajn rezultojn sole en nova aranĝo de la mondo. Reale ni konsciu, ke esperantistoj apenaŭ povas la evoluon de monda politiko iel pozitive influi. En la procedo ili estas sensignifaj…

La movadon formas relative nemultaj samideanoj, honoraj volontuloj, plejparte amatoroj. La objekto de ilia agado estas lingvo, sed okupas sin pri ĝi nelingvistoj. Karaktero de la movado estas kultura, sed la agantoj plejparte ne apartenas al iu krea kultura fronto… La movado per sia amatorado ne kapablas la interesitojn kontentigi en lingvaj kursoj kaj ankaŭ ne en kunvenoj de lokaj organizaĵoj, pro malalta kvalifiko kaj erudicio de movadaj funkciuloj. Tamen mi ne volas bagateligi ĉiujn ĝisnunajn rezultojn, male…

La strategia laborplano de UEA 2001-2010 proklamas KOMPRENIGON, PAROLIGON kaj UTILIGON de Esperanto. Ili estas bezonaj, ĉar ĉiam ni spertas stagnon de lingvoscio en la nivelo de baza kurso. Tamen tio ne sufiĉas… Estas bezone respekti bezonojn de fakuloj, inkluzive de sciencistoj. Pri natura lingvo sciencistoj diras, ke ĝi ĉiam malpli kaj malpli sufiĉas kiel objekta lingvo, per kiu oni formulas siajn ekkonaĵojn pri spactempaj fenomenoj. Natura lingvo estas bedaŭre polisemia, ĝi ne ebligas ekzaktan pritakson de prediktaj diverĝoj, distingon de lingvaj kaj metalingvaj esprimoj, priskribon de strukturoj de pruvoj k.s. Pro la mankoj de natura lingvo en moderna scienco rapide kreskas tasko de artefaritaj simbolaj lingvoj por roli en sciencaj teorioj kaj teĥnikaj aplikoj. Sciencistoj tamen konfesas, ke tiuj ĉi matematikaj kaj ĥronologikaj lingvoj, ofte nomataj ekzaktaj lingvoj, ne kapablos komplete transpreni komunikajn taskojn de lingvoj naturaj…

La **plena** elkonstruo de Esperanto por bezonoj de alta scienco nuntempe ne estas afero aktuala. Sed esperantistaj fakuloj neglektas eĉ la aferon de ekzakteco primitiva, ekzaktecon en la nivelo, kiun ili scius kontroli kaj regi… Efika strategio premisus konservi investitan energion. Krom amatoreco en la agado kaj manko de kunordigo ene de diversaj organizaĵoj, ekzistas facilanima perdado de jamaj atingaĵoj. Mortintoj postlasas verkojn, kiuj post la forpaso de aŭtoroj ofte fariĝas nur papera rubo. Alia energio estis elspezita por ion organizi. Se la organizaĵo ne sukcesas, neniu okupiĝas pri ties akiritaj spertoj, ili estas forgesataj, la energio disipata. Mi mem spertis kaj parte kunlaboris en la organizaĵoj TL (Teknika Ligo, fondita konekse al UK 1966), ISAKE, IEKA, IAdEM, ISAE, TEC, STS de ĈEA. Eĉ se pluraj organizaĵoj malprosperis, ĉiam estis io konservinda por nova provo sur la sama kampo. Ekzemple la gvidantaro de la Tutmonda Asocio de Konstruistoj Esperantistaj (TAKE) eĉ ne scias pri la samfaka ISAKE, aganta tuteŭrope en la jaroj 1958-1962.

En la movado aperadis kaj aperadas multe da perfektaj ideoj, relative multe da kapablaj homoj, el inter kiuj pluraj fordonas al la movado palpeblajn rezultojn de sia bonvola laboro kaj genio. Sed, spertoj tion atestas, multe da utilaj ideoj kaj promesplenaj faroj de kapabluloj malaperas preskaŭ sen registro de almenaŭ ties spuro. Strategio de la movado lamas, ĉar ĝi ĝenerale ne solvas profesie la organizan kaj kunordigan facon de sia entreprenado… Konklude: Tiucele ni disvolvadu la internajn latentajn povojn de nia lingvo, pli serioze ol ĝis nun ni gardu koherecon en la **scienca leksiko** kaj per **plia internaciigo** nocia kaj forma ni altigu la ekzaktecon de Esperanto…

Brno, la 10-an de novembro 2011 Jan Werner